# HEROLDO DE ESPERANTO

Eldono: *Flandra Esperanto-Instituto, P. v. Humbeekstr. 3, Brussel-West.*
Redakcio-Administracio: *T.Jung, Harstenhoekweg 223, Scheveningen, Ned.*
*Heroldo aperis semajne antaŭ la milito ; ĝi reaperos semajne, kiam eble.*
Jarabono 1946 : *por Belgujo 90 fk., Nederlando 5 gld., cetere 10 angl. ŝil.*
Anoncetoj : *20 komencitaj vortoj aŭ mallongigoj b. fk. 20.—, gld. 1.— ktp.*

SENDEPENDA INTERNACIA ORGANO DE LA ESPERANTO-MOVADO

N-ro 4 (1053) — FONDITA EN 1920 — 22-a JARKOLEKTO — 1 Aŭgusto 1946


Fratoj, la stelon,
La nian, alte tenu !
Nun aŭ neniam
Ni la gvidon prenu !

*

Unu Ligo, ĉirkaŭanta la mondon, ampleksanta milionojn da membroj, Ligo batalanta por la plej grandaj idealoj de la homaro, por bonvolo kaj interkompreno, por justeco kaj paco, kun fincelo : starigo de la Tutmonda Federacio, kaj tiu Ligo gvidata de Esperantistoj, — kiu el ni ne sentus fieron ĉe tia ideo, kaj la deziron kunlabori por ĝia efektivigo !

La Ligo estas fondita. Ankoraŭ ĝi nombras nemultajn anojn. Sed tiu kerno enhavas ja nelimigitajn eblecojn. Ĉu ĝi evoluos je arbo superombranta la terglobon ? Ĉu el ĝi kreskos la saviĝo de la homaro, la Federacio de la Mondpopolo, kun la Mondparlamento, Mondjuro, Tutmonda Pasporto kaj, kompreneble, ankaŭ la Mondlingvo ?

Kiun interesas la ideo, tiu povas sin turni por informoj al : Universala Ligo, Riouwstraat 172, Den Haag, Nederlando.

## VERDSTELAJ RADIOJ.

— La peticio direktota al UNO rezultigis ĝis 26 6. pli ol 60.000 subskribojn. Kompreneble tio estas nur la komenco. La cifero por Nederlando, ekzemple, estis ne pli ol 5, dum ke por Bulgarujo ĝi estis jam 13.781.

— IEL havis je la fino de majo 9529 membrojn kontraŭ 5194 je la fino de majo 1945.

— *Esperanto-kursoj* okazis dum la lastaj monatoj *en la jenaj francaj urboj :* Amiens, Arras, Beaurepaire, Bordeaux, Brive, Calais, Condé sur-Escaut, Escautpont, Fécamp, Guéret, Hénin-Liétard, Le Havre, Lillebonne, Limoges, Massey-s.-Tille, Nantes, Noyelles Godault, Périgueux, Solliès-Pont, Tulle, Valenciennes, kaj Vienne. Novaj grupoj fondiĝis en Massey-s.-Tille kaj Somain.

— La *Belga Nacia Radio* decidis oficiale enkonduki Esperanton en siajn programojn. (Vidu la raporton pri la 11-a Kongreso de Flandra Ligo Esperantista.)

— La ĝisnuna nederlanda *ministro por sociaj aferoj, nia samideano W. Drees*, restis ministro ankaŭ en la nova nederlanda kabineto. Ankaŭ en la aŭstria kabineto troviĝas esperantisto, nome ministro *D-ro Frenzel*.

— « Auberges », revuo de junulgastejanoj, 41 rue Eugène Smits, Bruxelles 3, Belgujo, kies kundirektoro estas nia samideano L. Roger, enhavas en ĉiu numero artikolon aŭ artikoleton pri Esperanto.

— Dum la milito aperis en Sofia malliberejo sekreta kajergazeto esperantlingva. Multaj politikaj malliberuloj tiam lernis nian lingvon.

— Hungara fervojisto Ludoviko Korsos ricevis *senpagan bileton* por la tuta liniaro de la hungara fervojo, kaj liberigon de la dejoro, por oferi sian tutan energion *por la propagando de Esperanto* inter la fervojistaro.

— Delegito de IEL en Pretoria, s-ro J. Semmelink, iniciatis planon por starigo de universitato por indiĝenoj, kiu havos la (bantu-lingvan) nomon Kolege Ya Bana Ba Afrika (Kolegio de la infanoj de Afriko).

— En Slovaka Komerca Altlernejo en Bratislava komenciĝis oficiala instruado de Esperanto. En samurba Komerca Akademio 30 studentoj lernas Esperanton. En Trenĉin, alia urbo ĉeĥoslovaka, preskaŭ 100 studentoj de komerclernejo sekvas Esperanto-kursojn.

*(Vidu pĝ. 2, kol. 1)*

## BRAZILO ESTIS PREPARITA

*La sperto estas plej bona majstro en la vivo. La unua mondmilito estis terura bato por la brazila Esperanto-movado, kvankam la samideanoj mem ne klare komprenis tion dum longa tempo. Ni ĝustatempe decidis ke dua mondmilito trovu nin pli bone preparitaj.*

*

La mondmilito 1914-1918 estis terura bato por la brazila Esperanto-movado. Ĉiuj niaj libroj antaŭ 1914 estis eldonitaj en Eŭropo kaj inteligente distribuataj en reto de brazilaj librovendejoj kun plej bona rezultato por la propagando.

« Primeiras Licôes de Esperanto » (Unuaj lecionoj de Esperanto) de Th. Cart, tradukita de Caetano Coutinho, Vortaroj Esperanto-Portugallingva kaj Portugallingva-Esperanto, de Tobias R. Leite, estis eldonataj de Hachette et Cie. en Parizo, kies Esperanto-Fako eldonadis ankaŭ ĉiujn verkojn de D-ro Zamenhof kaj de aliaj aŭtoroj kaj ilin distribuadis tra la tuta teritorio de Brazilo pere de ĉi-tieaj korespondantaj librovendejoj.

Dum la milito 1914-1918 Hachette et Cie. finis tiun laboron, kaj iom post iom la provizo da Esperantaj libroj en Brazilo elĉerpiĝis en ĉiuj librovendejoj. Nia movado iom post iom malvigliĝis, kvankam la malnovaj esperantistoj ne forlasis ĝin kaj penis solvi la problemon per privataj eldonaĵoj kaj importado de kelkaj libroj plej necesaj. Tiuj privataj eldonoj ne posedis reton de libro-distribuado, kaj la malgrandskala importado ankaŭ ne trafis la publikon, sed nur kelkajn esperantistojn.

Nia enlanda movado dum 25 jaroj estis *politike tre bona*, ĉar *ĉiuj registaroj* estis *favoraj al Esperanto* kaj plenumis petojn de kelkaj eminentaj esperantistoj, ĉefe de l' dumviva prezidanto de Brazila Ligo Esperantista, A. Couto Fernandes ; tial la lingvo estis *oficiale uzata por nacia propagando, por propagando de specimenaj foiroj, oni eldonis diversajn memorigajn poŝtmarkojn* kun teksto en Esperanto aŭ pri okazintaĵoj de nia movado, t.e. por memorigi la Oran Jubileon de Esperanto en 1937 kaj la Naŭan Brazilan Kongreson de Esperanto en 1936.

Dum tiuj politikaj sukcesoj, tamen, la disvastigado de la lingvo iom post iom ĉesis, kaj ŝajnis ke ĝi estis mortonta kun ni, kelkaj malnovaj fideluloj al la ideo ; ĉar la publiko ne trovis librojn en la librovendejoj por lerni la lingvon, kaj iom post iom formiĝis pesimismo en la publiko kontraŭ la ideo. La publiko ja ne povas juĝi mondskale kaj konstati ke Esperanto senĉese progresadas : ĝi juĝas nur naciskale, kaj la malapero de l' Esperanta literaturo el niaj librovendejoj post la ekzistado de multaj gravaj libroj ŝajnis evidenta pruvo, ke la ideo dekliniĝis aŭ mortis. Niaj klarigoj per vortoj kontraŭ la malfidemo de l' publiko estis senutilaj.

Tia estis nia situacio, kiam eksplodis la enlanda milito en Hispanujo. Ek de l' komenco partoprenis en tiu milito la grandaj potencoj, kaj *ne estis necese fariĝi profeto por antaŭdiri ke nova mondmilito certe estis okazonta*. Dum nova mondmilito nia enlanda movado nepre mortus, ĉar ni ne povus daŭrigi la malgrandan importadon de libroj.

*Ni tiam decidis fari grandan provizon da Esperantaj libroj* eldonitaj en Eŭropo *kaj komenci la enlandan eldonadon de ĉiuj necesaj lerno- kaj legolibroj.* Tiam ni varbis la Brazilan Spiritisman Federacion, kies grava eldonfako povus multe helpi nin.

La dua mondmilito ja venis, sed trovis nin kun granda provizo da libroj kaj en preparado de ĉiuj necesaj gramatikoj, vortaroj, legolibroj. Laŭ la sukcesoj de l' malamikoj de Esperanto en Eŭropo, Azio, Afriko, dum la unuaj jaroj, ŝajnis al ni, ke ni devus perdi la tutan Malnovan Mondon por longa tempo kaj ke la Esperanto-movado nur povus resti vivanta en la Nova Mondo dum eble jardekoj. Verŝajne, ni tiam havus la devon konservi la trezoron ĝis la fino de la faŝisma regado, por ĝin iam redoni al ĉiuj popoloj, ĉar la faŝisma regado estis nenormala, perfortema, kaj iam devus fali aŭ per eksteraj atakoj aŭ per internaj luktoj.

Ni sentis nin do sub la terura respondeco, ke ni devos konservi la lingvon kaj la movadon dum nedifinita historia tempo. Tial *ni eklaboris multe pli vigle kaj eldonis dudek librojn kaj broŝurojn en mallonga tempo.* Iom post iom ni organizis *aŭtomatan propagandon :* en tramveturiloj, jurnaloj, revuoj, libro-kovriloj ni anoncadis lernolibrojn de Esperanto. Tia aŭtomata propagando-maŝino nun estas muntita kaj laboras per si mem. Nia granda libroprovizo de importitaj libroj ne estis sufiĉa, sed feliĉe Anglujo neniam falis kaj povis liveri al ni senĉese la bonegajn eldonaĵojn de « The Esperanto Publishing Company ». Tiujn librojn ni mendis kaj ricevis centon da fojoj dum la milito, kaj ili estis grandega helpo en niaj manoj por montri la progresadon de la lingvo. Kelkaj el niaj lernolibroj elĉerpiĝis kaj havis novajn eldonojn dum la milito.

En la fino de l' milito efektiviĝis la *Deka Brazila Kongreso de Esperanto* kaj montris vere grandan progreson en nia enlanda movado.

Feliĉe ne okazis la triumfo de l' faŝismo, kiel estis timinde dum kelkaj jaroj, kaj ni ĝoje konstatas, ke la okupitaj teritorioj estas denove liberigitaj kaj reprenas sian postenon en la movado. Ni estas liberaj de la timo, ke sur niaj ŝultroj devas pezi la tuta respondeco ; ja neniam tio okazis, ĉar kelkaj landoj, kies movado estas multe pli forta ol la nia, restis liberaj, nome Anglujo, Svedujo kaj Svisujo, kaj tenis la plej grandan parton de l' respondeco konservi la lingvon vivanta kaj progresanta. Eble tia timo estis nur mia, kaj feliĉe ĝi montriĝis erara : la vivanteco de l' movado konserviĝis en multaj aliaj lokoj. Mi ne deziras provi, ĉu estus al ni eble, konservi la trezoron de l' homaro en niaj manoj dum kelka tempo. Mi tre ĝojas, ke mi parte eraris, kvankam *la erara timo donis tre bonajn fruktojn :* ni organizis nian propagandon, kaj nun ĝi aŭtomate funkciadas.

Eble samideanoj en Anglujo, Aŭstralio, Svedujo, Svisujo, Argentino, Usono kaj aliaj landoj havis la saman penson : nia respondeco pligrandiĝis, ni laboru ! Kaj tia tutmonda solidareco por la ideo montras, ke Esperanto jam eterniĝis sur la Tero.

ISMAEL GOMES BRAGA,
Rio de Janeiro.



## JAN RAMBOUSEK NE VIVAS PLU...

La sciigo pri la forpaso de generalo Rambousek atingis nin, pro la cirkonstancoj, nur malfrue, kaj nur en la fino de junio ni sukcesis ricevi lian foton kaj kelkajn notojn biografiajn. La Enciklopedio de Esperanto ne mencias lian nomon. Kaj tamen li estis unu el la plej malnovaj kaj plej fervoraj amikoj de nia afero, kaj ankaŭ de nia « Heroldo de Esperanto », kiun li abonis ĉiujare je siaj kostoj por granda nombro de aliaj samideanoj. Sed li estis modesta homo kaj « ne pendigis sian nomon al la sonorilo».

Jan Rambousek naskiĝis la 12-an de majo 1867 en Trebon (tiam apartenanta al la aŭstria-hungara monarkio). Li studis en realgimnazio kaj poste en la Milita Akademio en Wiener-Neustadt. Lia agadkampo kiel artileria oficiro estis la urboj Vieno, Linz, Sarajevo kaj Petrovaradin. Poste li estis nomita kiel taĉmentestro kaj komandanto en garnizono de Krakovo.

Li lernis Esperanton en 1887, kaj li restis tiel same fidela filo de la ĉeĥa nacio, kiel fervora ano de Esperantismo, propagandante nian lingvon inter publiko kaj oficiroj. Li partoprenis multajn Esperanto-mondkongresojn kaj interkonatiĝis persone kun nia majstro D-ro Zamenhof, vizitinte lin en Varsovio. Krom Esperanto, li ankoraŭ scipovis ok lingvojn.

La 28-an de oktobro 1918 li estis nomita divizia generalo de la ĉeĥoslovaka armeo. Lia agadkampo estis Brno. Pensiite, li translokiĝis al Ceské Budějovice, kie li estis aktiva kiel longjara klubestro de « Esperantista Klubo », subtenante la Esperanto-movadon ankaŭ finance, kaj li restis propagandanto kaj pioniro nelacigebla, ĝis la morto la 1-an de decembro 1945 forrabis lin el niaj vicoj.

Honoron al lia memoro !

## Ĉu leĝo pri Esperanto ?

S-anoj Lud. Kökény, Sig. Tiborc kaj aliaj gvidantoj de la hungaraj Esperanto-societoj HES (ĝenerala) kaj HESL (laborista) insistas pri la iniciato ke *la hungara parlamento oficiale akceptu leĝproponon pri Esperanto*. Parlamentanoj Stefano Csurgai kaj Emeriko Tombácz subtenas tiun ĉi klopodon. Minimume 100 el la 421 hungaraj parlamentanoj jam estas favoraj al nia afero ; se oni sukcesus favorigi al ĝi ankoraŭ 150, la leĝo — la unua en la historio de Esperanto — fariĝus fakto. Resuma enhavo de la leĝo estas : Hungarujo oficiale rekonas Esperanton kiel internacian lingvon, kaj ĝi akceptas anticipe ĉiujn interŝtatajn aŭ internaciajn konvenciojn pri la internacia uzado kaj la lerneja instruado de Esperanto. La leĝpropono antaŭvidas ankaŭ la starigon de Esperanto-Instituto.

## Heroldo duonmonata post 15 Oktobro.

*La septembra numero aperos, pro la libertempoj, nur la 15-an de septembro. La postvenonta numero aperos la 15-an de oktobro, kaj de tiam Heroldo eliros duonmonate, nome la 1-an kaj 15-an de ĉiu monato. — La nombro de l'abonantoj atingis nun 1200.*

## La bombo malsukcesis

*La unua atombombo eksplodigita super Bikini malsukcesis.*

*Ne algrundiĝis tiom da ŝipoj kiom oni esperis. Ne rompiĝis tiom da palmoj kiom oni antaŭvidis. Ne pereaĉis tiom da porkoj kaj kaproj (kaj ratoj kaj puloj) kiom oni antaŭkondamnis brulmorti sub la temperaturo de 10-20 milionoj da Celsius-gradoj, kiujn la bombo laŭ antaŭkalkulo produktus : « La kaproj, kiuj por sciencaj eksperimentoj troviĝas sur la militŝipoj apud Bikini, plezure estis maĉantaj fasketon da fojno, kiam la unua grupo da esploristoj alvenis por fari konstatojn pri la cirkonstancoj post la eksplodo de atombombo n-ro 4 », — raportis la gazetoj.*

*Bikini kaj la floto de malnovaj militŝipoj, ankrinta en la laguno, kun la kaproj kaj uniformitaj porkoj, kaj ratoj kaj puloj ktp., malaperis nur por duonhoro en la nubo kaŭzita de la bombo sed ne definitive perdiĝis en la oceano.*

*Tia rezulto certe estas « nekontentiga », kaj la aranĝintoj de l' eksperimento sentas sin « seniluziigitaj ».*

*Ĉu ili sentus same, se ili mem sidus en la ŝipoj ?*

URTIKO.

# Kunlaborado inter geinstruistoj.

La jena interkonsento estas farita inter la *Groupe des Espérantistes de l' Enseignement* kaj la *Society of British Esperantist Teachers* :

« Ni subtenas la principon, ke la monda organizo de esperantistaj edukistoj estu bazita je la kunagado de naciaj fakaj societoj. Ni subtenas tujan kunlaboradon inter la franca kaj brita societoj kaj konsentas, ke praktikaj servoj, tuj uzeblaj, estas necesaj. Por efektivigi tian kunlaboradon, necesas regulaj informoj pri agado, do :

a) La sekretarioj de la societoj interŝanĝu bultenojn kaj aperigu novajojn unu pri la alia en la bultenoj. Pro tio estas necese, ke la bultenoj estu aŭ tute aŭ parte en Esperanto ;

b) Ĉiu societo sendu la jarraporton al la alia, por ke ĉiu havu fidindan scion pri la alia ;

c) Ĉiu societo informu la alian pri agado rilate edukajn, registarajn kaj internaciajn aŭtoritatojn laŭ okazo, kaj invitu partoprenadon se eble kaj taŭge.

Por efektivigi interrilatojn inter geinstruistoj kaj gelernantoj, ni havu alcelajn perantojn por korespondado kaj alispeca interŝanĝo : 1. por geinstruistoj, 2. por lernejanoj. Ni provu aranĝi reciproke vizitojn de geinstruistoj ; ni celu reciproke la ĉeestadon de niaj membroj je niaj someraj lernejoj kaj aliaj konferencoj. Nur elektita partoprenanto rajtu paroli en la nomo de la societo.

Ni pritraktu, antaŭ la fino de 1946, la ideon fondi kason, el kiu ni povas subteni la koston de ebla internacia informilo kaj aliajn necesajn agojn sur internacia bazo. Ni rajtigu niajn komitatojn pritrakti ĉiujn aferojn rilate nian kunagadon, akceptante aŭ la sekretarion aŭ alian difinitan anon, kiel la oficialan korespondanton, kiu raportu daŭre kaj regule al la tuta komitato kaj societo. »

Aparta noto de SBET estas aldonita, ke dum la jara kunveno en Londono, la 15-an de januaro 1946, oni konsentis ke, kiam oni pritraktos la internacian instruistan asocion, oni pripensu metodon, kiu ebligos al individuo aliĝi senpere al tiu asocio.

Grava paŝo en la kunlaborado jam funkcianta inter GEE kaj SBET estas *letero sendita kune de ambaŭ societoj al la respektivaj Ministroj por Edukado.* La letero atentigis la ministrojn pri la bona laboro jam farita de Esperanto inter lernejanoj kaj pri ties utilo, kiel bazo de mondordo. La societoj ankaŭ petis la akcepton de malgranda nacia delegitaro. Alia kontentiga okazajo estas la partopreno de f-ino M. Jay, M.A., prezidantino de SBET, je la jara kunveno de GEE dum pasko. SBET esperas bonvenigi reprezentanton de GEE ĉe sia *Somera Lernejo* aranĝota de la 3-a ĝis la 10-a de aŭgusto en *Clitheroe*, Lancashire.

V.C.N.

## Li ne povis ĉiumomente reveni.

Ankaŭ en Nederlando la *petskribo, organizita de IEL*, trovis bonan akcepton. Amsterdamano, kiu ricevis 50 ekzemplerojn de la petskriba formulo, jam post kelkaj tagoj revenis : « Tiei malmultaj ekzempleroj estas neniom, donu al mi ankoraŭ tricent. » Kelkajn tagojn pli poste revenis alia, kriante : « Mi ne povas ĉiumomente reveni ĉi tien, donu al mi tuj milon. » Jen la ĝusta spirito ! Cetere la publika opinio en Nederlando estas tre favora al Esperanto. Kaj kolektado de subskriboj por la peticio samtempe estas bonega propagando.

— Hispano Jean Martinez kaj lia nederlanda edzino, loĝantaj en Solliés-Pont (Var), Francujo, donis al sia fileto la nomon Esper. Ilia hejmlingvo estas Esperanto.

— Okaze de kongreso de l'gesamideanoj de la centra regiono franca, en Brive, ĉeestita ankaŭ de la kataluna samideano-poeto Grau Casas, funkciis esperantista kabareto « Verda Azeno » sub la devizo « Rido sen brido ».

— « Post dumonata lernado de Esperanto mi pli bone scipovas paroli kaj elturniĝi ol post okjara lernado de la germana lingvo, » deklaris s-ro Darraud, fizika agregaciulo, kiu partoprenis Esperanto-kurson en Limoges pasintan vintron.



## LA XI-a KONGRESO DE FLANDRA LIGO ESPERANTISTA

*okazis dum la pentekostaj tagoj en Bruĝo (Brugge) kaj fariĝis plena sukceso. Bruĝo estas unu el la urboj, krom Amsterdamo, Stokholmo kaj eble aliaj, pretendantaj la titolon de « Norda Venecio », kaj certe ĝi estas unu el la plej ĉarmaj kaj plej vidindaj urboj de la malnova kontinento. Kaj kiam la kongresanojn akceptis taĉmento de ridetantaj fraŭlinoj en malfalsa Esperanto-uniformo : blanka bluzo kun verda stelo surbruste, kaj verda jupeto, oni povas supozi ke la gastoj tuj sentis sin hejme — en Esperantujo, kaj ke tuj ekregis la ĝusta Zamenhofa spirito.*

*La kongreso mem havis la kutiman aspekton: interkonatiĝa vespero, kunvenoj, paroladoj, diservo kun Esperanta prediko, deklamoj, kantoj, dancoj, filmoj, kabareto, balo, promenadoj kaj ekskurso.*

*Grandan entuziasmon elvokis la komuniko de la prezidanto de Flandra Ligo, D-ro T. van Gindertaelen,* pri decido de BNRO, enkonduki Esperanton en siajn programojn. *(BNRO — ĝi estas la Belga Nacia Radio-Instituto, ne intermiksu kun la ĉeĥa radiostacio Brno, ankoraŭ bone memorata pro oftaj Esperantaj dissendoj antaŭ la milito.) La dissendo komenciĝos en oktobro : ĉiun sabatan posttagmezon de tiu monato okazos propaganda parolado, prepare por kurso kiu komenciĝos la unuan sabaton de novembro kaj kiun gvidos Prof. E. Symoens el Bruselo.*

*La kongreso unuanime akceptis la sekvantan rezolucion :*

*La 11-a Kongreso de Flandra Ligo Esperantista en sia ĝenerala jarkunveno de la 9-a de junio 1946*

*1. esprimas la deziron ke la neŭtralaj internaciaj Esperanto-asocioj senprokraste kaj en spirito de reciproka toleremo pristudu la reunuiĝon de la neŭtrala internacia Esperanto-movado ;*

*2. esprimas la esperon ke tiu de ĉiuj sopirata unueco efektiviĝos plejlaste okaze de la unua postmilita universala kongreso;*

*3. instigas ĉiujn internaciajn Esperanto-asociojn neŭtralajn aŭ ne-neŭtralajn, pristudi senprokraste la starigon de tutmonda Esperanto-instanco kiu reprezentus ĉiujn esperantistojn senescepte ;*

*4. decidis komuniki tiujn deziresprimojn al la Esperanto-gazetaro, por ke ili veku ĝeneralan atenton kaj simpation.*

(Kliŝo de « Flandra Esperantisto ».)

## Kion skribis al ni niaj legantoj.

*Anticipe : Ni tre ŝatas ricevi de niaj legantoj leterojn pri la enhavo de Heroldo, kaj certe ne nur laŭdojn kaj aprobojn, sed ankaŭ instigojn, konsilojn aŭ kritikojn.*

*Areto da legantoj skribis al ni pri kelkaj el la artikoloj en la unuaj numeroj. Kvankam ni ne povis al ĉiu individue respondi, tamen ĉiu povas esti certa ke liaj (aŭ ŝiaj) rimarkoj trovis nian plenan atenton. Kelkajn el la ricevitaj leteroj ni ŝatus publikigi, senŝanĝe kaj sen mallongigoj, se ne kontraŭstarus la ĉiam tro nesufiĉa loko, dum Heroldo aperas nur monate kaj kun 4 paĝoj.*

*La pli multaj alskriboj sin okupas pri la versaĵo kaj artikolo sur la unua paĝo de n-ro 1 (« Nun aŭ neniam ! »).*

### *T. J. pekis kontraŭ la ritmo.*

Skribis al ni unu samideano : Via poemo « Nun aŭ neniam » estas parolita kvazaŭ el mia koro. Mi recitis ĝin en nia klubo, kaj ĝi trovis entuziasman akcepton. Jes, ni « la stelon, la nian, alte tenu », ke la tuta mondo ĝin vidu kaj ĝin sekvu en sia nokto de necerteco. En la verso, kiu sekvas, estas elisao de unu silabo, kiun la ritmo postulas, sed per tiu peko vi, certe kun plena intenco, metas la tutan akcenton sur la vorton NI : « Nun aŭ neniam *ni* la gvidon prenu ! » Elkore mi konsentas.

### *Ĉu usonaj samideanoj scios profitigi unu el la plej grandaj momentoj en la historio de nia movado ?*

Usona leganto skribis : Mi jam legis (ĉiam laŭte ĉetable) « Nun aŭ neniam ! » kaj la redaktoran artikolon (t.e. el n-ro 1) kaj trovis ilin treege taŭgaj por ni — la nuntempaj Esperantistoj. Vi estas tute prava, estas efektive « nun aŭ neniam », kaj se ni usonaj Esperantistoj ne pli bone kunlaboras (en Novjorko mem troviĝas kvin *apartaj* Esperanto-grupoj !), mi timas ke ni perdos unu el la plej grandaj momentoj en la historio por la gloro de nia movado.

### *Ĉu ruĝa verda stelo ? — Saĝaj vortoj de E. Privat. — Germanoj mistifikas amerikanojn. — Urĝas ke ni ne plu humiliĝu !*

Sekvu ankoraŭ letero de nederlanda samideano S. de P. :

Mi volas ion demandi : Ĉu la Esperanto-signo ne estas verdkolora ? Mi posedas librojn kun ruĝa, blua, oranĝkolora, violkolora steloj. Eĉ orumitan stelon mi unufoje vidis. Kaj la plej multaj periodaĵoj presigas ĝin nigra, i.a. « Esperanto Internacia » (titolo ne taŭga, ĉar Esperanto *nacia* ne ekzistas). Nigra ! Koloro morta ! Por la plej viva afero ! ! En « La Revuo » (vol. VI) Edmond Privat skribis : « ke la verda koloro favoriĝis inter la soldatoj de l' nova armeo, *ĉar ĝi simbolas esperon*, kaj aperis la *verda* stelo, nia nun ĉiebrilanta signeto » (7-a Kongreso, Antwerpen). La verda koloro do havas grandan pac- kaj harmonicelan signifon. Ĉu ni rajtas arbitre ŝanĝi la verdan koloron ?

Alia demando : Ĉu ni vere rajtas « brui, vekskue trumpeti, severe admoni, per tondra voĉo trudi » ? Ĉu fari alarmon tiel longe kaj tiel laŭte, ĝis kiam ĉiu nin aŭdos kaj fine aŭskultos kaj sekvos ? Jes, leganto, ege certe ! Ni legu, kiel la sama Edmond Privat entuziasmigis la tiutempajn samideanojn, jam en la jaro 1911, en Antwerpen :

« Esperanton ni neniam konsideru, kiel proponatan aferon. Ĉesu tiaj paroloj kiaj : se Esperanto sukcesos, aŭ : kiam Esperanto estos starigita. Jam sukcesis Esperanto, ĉar ĝi vivas, jam ĝi estas starigita, ĉar ĝi uziĝas. Ni ĉesu proponi, ĉar proponante oni ne facile konvinkas. Ni agu pli kaj pli, ni uzu la lingvon ĉiumaniere, ni florigu kaj kreskigu nian rondon, kvazaŭ modelon por la tuta mondo. Ni ne propagandu per petegoj al la homoj, ke ili bonvolu lerni Esperanton. Ni simple montru kiel bone funkciadas Esperanto, kiel bele ĝi vivas, kiel ĝin uzas jam miloj da homoj utile, kiajn servojn ĝi ĉiutage faras. Eĉ ne timu komprenigi al la homoj, ke *ilin Esperanto tute ne bezonas*, ĉar sen ili ĝi jam tre bone sukcesis. La homoj sentu ne plu, *ke Esperanto bezonas ilin, sed ke ili ĝin bezonas...* »

Legante en iu jurnalo ke, evidente, la germanoj mistifikas la amerikanojn (tiom progresemajn, tiom perfektigemajn ! !) pro tio, ke mankas germane-parolantaj personoj kaj, rezulte de tio, naziistoj okupas gravajn postenojn, mi demandas : Ĉu efektive la tuta mondo (escepte de la esperantistoj) restas tiom surda kaj stulta, ke ĝi ne tuj kaptas etendbrake la tutpretan solvon ?

Urĝas, urĝas ke ni ne plu humiliĝu. Ni encerbigu la fakton ke Esperanto funkcias jam de la jaro 1887. Ni emfaze kaj demonstracie imponu la publikon pri la senlima potenco de mondhelplingvo. Prokrastado enviciĝi en nian rondon stampos la homojn malprogresemuloj, malmodernuloj, neapartenantaj al la nuna epoko. Kaj senĉese ni bombardu ankaŭ la registarojn pri nia sperto 59-jara !

*Forte* ni staru, brave laboru,
*Kuraĝe,* ho nia rondo !

## Tro multe da Kongresanoj.

Multaj samideanoj, intencintaj partopreni la *31-an Britan Esperanto-Kongreson en Bristol* je pentekosto, estis seniluziigitaj, ĉar la kongresa komitato devis limigi la nombron je 400, pro nesufiĉa loko en la multe bombardita urbo. La kongreso mem bonege sukcesis. Kiel eksterlanda gasto ĉeestis s-ro A. Cseh, ovacie salutata. Krom la kutimaj kunsidoj kaj prelegoj okazis prezentado de « Sonĝo de Someromeza Nokto », aŭtomobil-ekskurso kaj balo. — Fine de majo (24.-27.) vidis la urbeto Kirkcaldy 83 delegitojn okaze de la *41-a Skota Kongreso,* kiun ĉeestis ankaŭ du polaj samideanoj.

## Bulgaroj kongresos en Asenovgrad.

« Ĉe la nova popola demokratia reĝimo en Bulgario, kiu garantiis al la bulgaraj civitanoj ĉiujn rajtojn kaj plenan liberecon, por la Esperanto-movado en Bulgario aperas vastaj eblecoj. Ĉiuj baroj, kiuj ĉe la reĝimo de la faŝisma diktaturo malhelpis la popolutilan agadon de la esperantistoj, estas jam forigitaj. » Tiel ni legas en la marta numero de la bela revuo « Internacia Kulturo », kiu atingis Nederlandon meze de junio.

Esperanto-societo « Maksim Gorki » en Sofia (proksimume 200 membroj) aranĝas ĉiusemajne interesajn prelegojn, kiuj estas multnombre vizitataj.

La nunjara Kongreso de la bulgara esperantistaro kun Somera Universitato kaj instruista fakkunsido okazos de la 24-a ĝis la 26-a de aŭgusto en Asenovgrad, urbeto kun 18000 loĝantoj je 20 kilometroj sude de Plovdiv (Filipopolo). Granda grupo de rumanaj gesamideanoj intencas gaste partopreni la bulgaran kongreson.

## La arto negocadi.

Estas neniu malpli faksperta ol s-ro Ch. Touzot, administristo-delegito de la Foiro de Lyon, kiu verkis libron eksterordinare interesan kaj utilan por komercistoj, kaj ĝenerale por homoj kiuj havas ion por vendi. La libro havas la titolon « L'art du négoce » (La arto negocadi), ampleksas 280 paĝojn, kostas 150 francajn frankojn kaj aperis en la eldonejo « Editions Sève », 81 rue Garibaldi, Lyon. Unu tuta, 16-paĝa ĉapitro traktas pri *la neceso de lingvo internacia por la negocado : Esperanto,* « la sola artefarita lingvo kiu vere disvolviĝis en la tempo kaj en la spaco ». Ankaŭ la Foiro de Lyon utiligis Esperanton por sia korespondado kaj propagando. « Ne pasas tago », skribas la aŭtoro, « kiam ne alvenas leteroj komenciĝantaj per la esperantista formulo: *Estimata Sinjoro.* Ĉi tiuj leteroj venis el Italujo kaj Germanujo, el Ĉeĥoslovakio kaj Polujo, el Egiptujo kaj Hispanujo ; ili eĉ transpasis la oceanojn kaj venis el Nov-Jorko kaj Sidneo, el Ŝanhajo kaj Jokohamo. » Ankaŭ buŝaj traktadoj ofte okazas per Esperanto. La aŭtoro konkludas tiun ĉapitron per la vortoj : « Estas en la intereso de ĉiu komercisto aliĝi al tiu ĉi kolektiva verko (t.e. internacia varŝanĝo pere de Esperanto), kiu disvastiĝas tra la mondo sub la signo de la Verda Stelo. »

## Plej bela signo de samideana solidareco.

Laŭ la nun publikigita raporto de *Dana-Nederlanda Esperanto-Interhelpo*, ĝi sendis al nederlandaj esperantistoj entute 4562 kg. da nutraĵoj kaj 55 kg. da sapo, el kiu 1505 kg. je valoro de 3000 kronoj estis donacitaj kaj la resto aĉetita por 7433 kronoj. La sendkostojn pagis anonimulo. La presajojn por la Interhelpo senpage liveris presfirmo Qvist & Co. en Kopenhago. La helpo de la danaj esperantistoj al siaj nederlandaj samideanoj estas la plej elstara kaj plej ampleksa ĝis nun signo de samideana solidareco, kiu pruvas pli ol io alia ke Esperanto vere vivas, kaj ke ankaŭ la « interna ideo » ne estas nura frazajo.

## Dana esperantisto dum la milito faris grandan rezistan laboron.

Dana samideano Svend Dragsted en Kopenhago dum la milito aktive laboris en la rezista movado, fondinte en 1943 sekretan (kontraŭleĝan) gazeton « Danskeren » kun eldonkvanto de 30-40.000 ekzempleroj duonmonate, kies ĉefredaktoro li estis dum 15 monatoj. Tiam la germana polico lin arestis kaj sendis en koncentrejon. Kiel redaktoro de « Danskeren » li estis membro de la gazetara komitato de la tiel nomita « Frihedsraad » (liberec-konsilantaro). En Danlando li kelkfoje paroladis en Esperanto pri siaj travivaĵoj dum la okupado.

## Memortabulo sur la tombo de H. J. Bulthuis.

En aprilo 1945, kelkajn tagojn antaŭ la liberigo de Nederlando, mortis en forgesita vilaĝo en la provinco Groningen, en Noordbroek, unu el la plej malnovaj pioniroj de Esperanto en Nederlando, s-ro H. J. Bulthuis. De la plej fruaj tagoj de la esperantista vivo en nia lando ĝis sia morto li senlace okupis sin pri la internacia lingvo, tradukante, verkante kaj prizorgante la administradon de longa serio da Esperantaj ekzamenoj.

Ĉu ne multaj Esperantistoj, kiuj ĝuis pro la legado de liaj verkoj kaj admiris la abundan riĉecon de lia fantazio, aŭ kies diplomojn li prizorgis kaj subskribis, deziros honori lian memoron per starigo de modesta monumento sur lia tombo en la malproksima nordo ?

La filo de s-ro Bulthuis, la konata pentristo kaj skulptisto Piet Bulthuis, jus modlis belan memortabulon kun la bildo de sia patro kaj randskriba devizo, kiu trafe karakterizas nian diligentan kaj modestan pioniron : « Labori, pensi kaj lerni estas vivi ».

Sed la fandigo de tiu tabulo en bronzo kaj ĝia starigo sur la tombo kostos monon, relative multan en la nuna tempo. Sendube la nederlandaj Esperantistoj sentos kiel honoran devon preni parton de tiu tasko el la manoj de la familio por ebligi la starigon de tiu ĉi monumento.

Pro tio la subskribintoj, nederlandaj membroj de la Lingva Komitato, en kies laboroj ankaŭ s-ro Bulthuis partoprenis dum multaj jaroj, invitas la nederlandajn samideanojn sendi al ili siajn kontribuojn por tiu celo. Jam antaŭe ni dankas ĉiujn donacontojn pro la honoro, kiun ili faros al la memoro de senlaca kaj meritoplena amiko. Listo kun la nomoj de la donacintoj estos transdonata al s-ino Bulthuis. (Adreso por monsendoj : Ir. J. R. G. Isbrucker, Oostduinlaan 32, Den Haag, ĝirokonto n-ro 10866.)

P. HEILKER,
Ir. J.R.G. ISBRUCKER,
Fr. WIGBERTUS VAN ZON.

## Ni funebras

— La 22.4. mortis en Rio de Janeiro *D-ro A. Couto Fernandes,* unu el la plej fervoraj kaj influriĉaj esperantistoj brazilaj, kiu dum 40 jaroj senlace laboradis por nia afero.

— La 20.4. forpasis en Firenze, Italujo, *D-ro Fr. Pizzi,* 66-jara. Li estis esperantisto dum 25 jaroj, kaj li multe propagandis kaj ankaŭ verkis esperantlingve.

— Kiel interpretisto de la militista registaro en Germanujo, *mortis la 22.3. Karl Minor* (Levi) el Hamburg, aŭtoro de Esperanta-germana vortaro, tradukinto de « Natan la Saĝulo » (Lessing) kaj LK-ano. Okaze de la ekrego de Hitler li, estante judo, rifuĝis Londonon, profitante de la fakto ke, la 21.9.1891, li estis naskita sur brita ŝipo.

*La grandaj misteroj de la homaro :*

## Projektoj por interkontakti kun Marsanoj. — Ebleco de vivo sur la diversaj planedoj. — La sekreto de la Marsaj kanaloj.

Kiam en la jaro 1878 Giovanni Schiaparelli, la scienca estro de la observatorio en Milano, faris la rimarkindan eltrovon ke sur la supraĵo de Marso estas videblaj regulaj kanaloj, la sciigo pri la eltrovo ekscitis la tutan termondon. Fine, oni pensis, estas trovita la pruvo ke ankaŭ sur alia astro ekzistas inteligentaj estaĵoj similaj al ni homoj. Ĉiu atendis ke la Marsanoj, kiuj kapablas konstrui kanalojn de dudek-kilometra larĝeco kaj kvinmil-kilometra longeco, provos (aŭ jam provis, sed ni per niaj neperfektaj instrumentoj ne povis kapti iliajn signalojn), estigi interkomunikon kun nia termondo. Sed oni vane atendadis. La astromonoj tage kaj nokte atentis, ĉu ne venos el iu stelo fajrero aŭ lumsignaloj, al kiuj ni povus respondi per similaj signaloj, kaj tute precipe ili observis Marson. Fantaziaj planoj estis farataj por, niaflanke, atentigi Marsanojn pri nia ekzistado. Oni intencis, ekzemple, en la Saharo aŭ sur nordsiberiaj neĝokamparoj konstrui nokte lumigeblan figuron laŭ la formo de giganta Pitagora teoremo, kiu donu sciigon ne nur pri nia ekzisto sed ankaŭ pri nia inteligento. Sed tia eksperimento estus ne nur tre multekosta sed preskaŭ nefarebla kaj verŝajne ankaŭ senutila. Tamen ĝis la hodiaŭa tago incitas la ideo, krei interkomunikon kun Marso, la fantazion de multaj homoj, kaj de tempo al tempo oni legas pri novaj projektoj tiucelaj, ekzemple pere de la radioondoj.

Sed la demando estas, ĉu entute sur la de ni konataj planedoj kaj fiksaj steloj ekzistas organa vivo ; kaj, se jes, ĉu tie vivas al ni similaj homoj, kaj kiaj estas la kulturaj cirkonstancoj, en kiuj ili vivas ? Per la plej perfektaj astronomiaj instrumentoj ĝis nun ne estas trovita ia signo kiu pruvus ke sur iu el la planedoj ekzistas, aŭ ekzistis, organa vivo. La videblaj planedoj, escepte de unu-du, estas tiel nekredeble malproksimaj ke la plej bona teleskopo ne kapablus sorĉi antaŭ niajn okulojn eĉ tiel grandan komplekson kia estas ekz. Londono. Escepto estas la *Luno,* kiu estas tre bone observebla per teleskopo ; sed ni scias ke ĝi estas tute senviva mondo, havanta nek aeron, nek akvon, kaj en kies temperaturo, ŝanĝiĝanta inter 100 gradoj da varmo kaj 210 gradoj da malvarmo, nenia organa estaĵo povas ekzisti.

La plej proksima planedo de la suno estas *Merkurio*. Ĉar unu de ĝiaj flankoj estas konstante turnita al la suno, oni kalkulis ke tie regas varmego de 273 gradoj, kaj sur la alia flanko, kie regas eterna mallumo, oni supozas malvarmon de 369 gradoj. Ne eblas ke ia vivo ekzistu tie. Merkurio ankaŭ ne posedas atmosferon.

Pli favoraj estas la cirkonstancoj sur *Venuso*. Tiu ĉi brila vesperstelo estas ĉirkaŭita de atmosfero kiu tre forte kaj intense rebriligas la sunradiojn. Ĝia meznombra temperaturo estas proksimume 40 gradoj, kaj ĉe tia temperaturo organa vivo estas pensebla. Sed ĉu efektive tie ekzistas vivo, kaj en kia formo ĝi sin prezentas, tion ni ĝis nun ne povas pozitive decidi. Povas esti ke Venuso troviĝas en tiu evolua fazo, en kiu nia Tero troviĝis antaŭ kelkaj milionoj da jaroj. Sed en tia fazo la ekzisto de estaĵoj homsimilaj ankoraŭ ne estas ebla.

*Marso !* En ruĝa koloro brilanta planedo! Kiom da seriozaj kaj kiom da pure fantaziaj priskriboj jam estas faritaj pri ĝia supozata loĝantaro ! La angla verkisto Wells desegnis preskaŭ precizan portreton pri la Marshomoj. Multaj legantoj jam kredas tiujn fantaziaĵojn kaj opinias ke sur Marso efektive vivas homoj kiuj havas altan kulturon. Ankaŭ la Esperanto-literaturo jam posedas kelkajn romanojn pri Marso kaj ĝiaj loĝantoj : « Aelita » de A. Tolstoj, kaj « Princino de Marso » de E.R. Burroughs. Sed hodiaŭ ni jam preskaŭ certe scias ke tiuj hipotezoj estas senfundaj. Se ni diras ke Venuso estas ankoraŭ tro « juna », por ke sur ĝia surfaco povu evolui organa vivo, pri Marso ni povas diri ke ĝi estas jam « maljunulo ». Venuso estas « estonta » mondo, sed Marso estas « mortanta », kaj verŝajne ĝi jam transpaŝis la aĝon ke ĝi povu doni viveblecon al organaj estaĵoj. Ĉirkaŭ Marso gravitas du lunoj : Phobos kaj Deimos, kies diametro estas proksimume 25 kilometroj, tro malgrandaj steletoj por permesi eĉ la naskiĝon de atmosfero.

*Jupitero* ne nur inter diaĵoj sed ankaŭ inter la planedoj estas impona grandegulo, ĉirkaŭita de aerkovraĵo ; sed vivo sur ĝi ne eblas, ĉar ĝia supraĵo estas ankoraŭ en fazo de ardeco. El varmega gasmaso konsistas tiu planedo. Ĝi havas dekunuoblan grandecon de nia Tero, kaj dum dek horoj ĝi rotacias unufoje ĉirkaŭ sia akso ; tial furiozas sur ĝi nekredeble teruraj ventegoj neniigantaj ĉian ekestiĝon de ia formo.

Simila estas la situacio sur la aliaj grandaj planedoj : *Saturno, Urano,* kaj ankaŭ sur *Neptuno* Ĉi tiuj planedoj troviĝas tiel malproksime de la suno, ke pro manko de sufiĉe da sunradioj ili ne povas naski organan vivon.

Ankaŭ ĉirkaŭ ĉi tiuj planedoj kaj ĉirkaŭ Jupitero gravitas lunoj. Jupitero havas ok, Saturno eĉ dek lunojn ; ilia grandeco estas simila al tiu de nia tera Luno. Eventuale sur tiuj ĉi lunoj ekzistas organa vivo, sed tion ni ne scias.

Kaj, por reveni al la komenco de nia artikolo, kio estas pri la famaj *Mars-kanaloj?*

*(Finota.)*

## Tera spirito.

Oni konfuzas nuntempe sciencon kaj klerecon. Oni konfuzas akiradon de la blindaj teknikoj kaj akiradon de la sento pri homaro, sen kiu sin turnas kontraŭ la homo la teknikoj blindaj. Akirado de la sento pri homaro estas liberigo el la malhelpaĵoj, eltirado de la bonaj sentimentoj, kaj formado. Tio entenas la volontemon kaj perinstinktan inteligentecon, kaj la riĉecon nekonatan kiu kuŝas en ĉiu homo. Ĉar oni ne kredu ke Humanismo nur dormas en libraro. Tia kredo alportas la konfuzon inter la perlibra kvazaŭklereco (sed ne vera klereco) kaj la kreanta inteligento, inter la neprofundo kaj la profundo.

La malsimileco inter la *homo urba* kaj la *homo tera* aŭ, filozofie, inter la laboristo kaj la kamparano, devenas de tio, ke la unua estas, kontraŭvole, altirata de la rapideco de l' teknikoj kaj de la cerbaj eblecoj, dum la dua estas haltigata de la tera malrapideco kaj de la simpleco de l' korpaj bezonoj. La kamparano staras sur niaj bazoj. La laboristo, prointelekte debazigita, promenas en la glitiga kaj libera ĉielo de l' revoj teoriigitaj. Tio klarigas, laŭ priklereca vidpunkto, la egan distancon kiu la spiriton de l' laboristoj kaj cerbemuloj apartigas de la spirito de l' kamparanoj kaj de l' religiema homo ; tio estas: de l' homo eterna.

Ne temas pri politiko. Ni starigas dislimigon inter revemuloj kaj rigardemuloj (kontemplemuloj), absolute kontraŭaj tamen, kvankam oni opinias alie. La revemuloj forgesas sian korpon, do la nurajn ver-eblojn de la homo. La rigardemuloj esploras profunde kun respekto la homan korpon, kvazaŭ ili rigardus Naturon. Se la risko, por revemulo, estas la Falo de Ikaro, la risko por rigardemulo estas neagado, rezignacio. Sed ŝajnas, ke la ĝusta loko ne estas propra de la Homo, tial ke tiom multe da saĝuloj vane parolis, sed jes propra de la Tempo, kiu movigas iom post iom la malrapidajn spiritojn kaj malvigligas la frenezajn volojn.

La urba spirito estas kredema pri la prezentado de la novaj eblecoj por vivi. Tio devenas de la fakto, ke la homo laborista ne estas natureca tipo. Li estas kreaĵo, facile regebla per ĉio nova. Lia kampo estas senlima. Tamen nur ĝis tiu punkto, kie tro malobservita Naturo lin mortepunas. La homo kampara estas tute malkredema. Ĉar li vidas, kiel daŭras la naturaĵoj, vivo de kreskaĵo aŭ korpo, kiuj nek bezonis nek bezonas, de post la kreado, ion novan.

La homo urba sin kredas Dio ; tio estas: li kredas sin kapabla por modifi la leĝojn. La homo kampara tion forĵetas kvazaŭ sakrilegion. Li konsentas malklarasente, ke Dio superas lin kaj ke super li staras la leĝoj. Dio estas leĝoj, plej granda kvanto da atomoj, kaj elektro.

Sed jen, la lastaj eltrovoj de la scienco konsentas pravon al la homo tera, kontraŭ la homo de la revemaj teorioj. Jen do la kamparano kiu triumfas ; kiu baldaŭ triumfos. Ĉiu vivonta benos lian saĝon, nomatan nun : malrapidema spirito.

Resumante, al la homo urba mi donas titolon de plibonigulo ; kaj al la homo kampara la titolon de gardanto atenta pri la homo simpla, sankta. Tio estas : pri la vera Humanismo, kiu prenas la korpon kiel bazon, kaj forigas el la homa spirito tiun penson, tute lian, esti kvazaŭ anĝelo, por montri al li, kiel li estas frato de akvo kaj folioj.

Kaj Arbaro povus elkreskigi sian grandecon, eĉ se la Homo ne ekzistus, dum ne povus vivi la Homo sen la principo de la Verdo.

PIERRE LACAS.

## Agrikultura Fako ĉe UEF.

La Unuiĝo de Esperantistoj Francaj starigis fakan sekcion « Terkulturistoj kaj Agronomoj », kies estro estas s-ro Jouis, agrikultura inĝeniero kaj direktoro de la Agronomia Stacio de Seine-Inférieure en Rouen. Ĝiaj celoj estas nun :

a) grupigi kiel eble plej grandan nombron da esperantistaj kamparanoj, vegetaruloj kaj interesitoj pri kampkulturo ;

b) kolekti nomojn kaj adresojn de eksterlandaj samfakaj samideanoj kaj teni ilin je dispono de la membroj, kiuj deziras korespondadi aŭ vojaĝi eksterlanden ;

c) starigi kampkulturan terminaron.

Kamparanoj, ne restu izolitaj, aliĝu al faka Esperanto-movado kaj, por pluaj informoj, turnu vin al la provizora sekretario, s-ro Moindrot Maurice, terkulturisto, fakdelegito de IEL por agrikulturo en Domery apud Rians (Cher), Francujo.

## VERDULAJ VORTOJ

*D-ro L.L. Zamenhof :*

Kiom da tempo kaj laboro estas perdata por la ellernado de fremdaj lingvoj, kaj malgraŭ ĉio, elveturante el la limoj de nia patrujo, ni ordinare ne havas la eblon kompreniĝadi kun similaj al ni homoj.

(Unua Libro, 1887.)

*Francisko Azorin :*

...nur Esperanto evitos la maljustecon dividi la ŝtatajn lingvojn je privilegiitaj kaj servutaj, starigante neŭtralan areon, kie la centoj da naciaj voĉoj estos egalrajtaj por eĥigi siajn sentojn.

(Heroldo de Esperanto, 25.9.1931.)

*John Merchant :*

Mi kredas ke estis Emerson kiu skribis: « La Registaro devas ĉiam esti je unu paŝo antaŭ la popola movado » ; sed, kvankam tio estas tre dezirinda, kutime okazas ke la Registaro ekagas kiam devigita de la publika opinio, kaj ne pli frue.

(« Joseph Rhodes », p. 46.)

## PAROLAS LA LEGANTO

KION VI PENSAS PRI TIO ?
SAMIDEANO EN MAROKO FARAS PROPONON.

Malnova samideano sendis al ni la sekvantan ideon. Ĝi ŝajnas al ni konsiderinda. Bonvolu diri al ni, kion vi pensas pri ĝi ! Jen ĝi :

Por varbi subskribojn por la peticio organizita de IEL, ni publikigis artikolon en loka gazeto kaj presigis prospektojn kun proksimume la jena enhavo :

La sciencaj progresoj aldevigos baldaŭ adopton de helpa lingvo. Pro ekonomiaj motivoj aŭ socia superrego, aŭ por akiri ankoraŭ pli grandan influon, la potencaj registaroj deziras ke oni prenu ilian lingvon. La aliaj popoloj komprenas ke, se tio okazus, ili perdus iom post iom sian alilandan influon.

La esperantistoj diras : Pro motivoj de netaŭgeco, malfacileco aŭ ĵaluzo, estas dezirinda unu neŭtrala kaj facila lingvo kiel Esperanto.

Sed (oni rediras) restas fari la pruvon, ĉu Esperanto vere taŭgas por tio, sen antaŭjuĝo kaj « *antaŭ la okuloj de la mondo* ».

La pruvo estas facile farebla, respondas la esperantistoj. Jen kiamaniere :

100 studantoj el diversaj partoj de Eŭropo, kiuj lernis Esperanton dum *nur* ses monatoj, estas invitotaj al kongreso ;

100 studentoj el diversaj partoj de Eŭropo, kiuj same lernis la anglan lingvon dum *nur* ses monatoj, tute ne sciinte ĝin antaŭe, estas invitotaj al tiu sama kongreso.

Neŭtralaj kaj seriozaj ekzamenantoj senantaŭjuĝaj konstatos kiuj el la lernantoj : 1-e, parole interkompreniĝos pli bone kaj pli rapide ; 2-e, kiuj pli fidele tradukos iun tekston.

La eksperimento devus esti farata kun sufiĉe da publikeco antaŭe, dume kaj poste. La tuta mondo devus scii la detalojn de tiu originala kongreso.

La sukcesigo de nia afero valoras la eksperimenton. Kial do ne provi ĝin ?

THOLLET, Port-Lyautey.

## Sintakso.

Ŝercema leganto sendis al ni la sekvantaj elĉerpaĵojn, kies aŭtentikecon ni tamen ne kontrolis :

*Bezonata* viro kun aŭtomobilo, kiu povas paroli angle kaj france, por komercisto.

*Bonaj nutraĵoj.* La gastoj povis havi kion ajn ili deziris : sandviĉojn kun ŝinko, kolbaso, fromaĝo aŭ marmelado, pikantajn salatojn, konusojn da glacikremo, mineralakvon, kaŭĉukajn pilkojn kaj balonetojn por infanoj.

*Grasa kaj kalva.* Deziras korespondi kun belaspekta kaj bonkaraktera fraŭlino por baldaŭa edziĝo. Mi estas simpla sed honesta, kaj la fraŭlino devas esti sama, aĝo 35, pezo 100 kilogramoj, 1.85 metrojn alta, kalva sed beleta.

*El rakonto.* Starante kvazaŭ paralizite, la fantoma ŝipo pretervelis nin.

*El aŭtobiografio.* Apenaŭ du-jara, mia patro mortis, kaj mi restadis sola kun la patrino kaj kun tri pli aĝaj gefratoj.

## BRUNIGANTE LA BEBON...

Turnante la dorson al la tro varma suno, kiu brilegas rekte sur la kapojn de la iretantaj homoj sur la apuda vojo, mi premas per mia brusto la pikajn herberojn kaj, apogante min sur miaj kubutoj, mi cerbumas pri profunda demando.

Antaŭ ol turni la korpon al ĉi tiu nenormala pozicio, mi refaldis supren la randojn de miaj « kruringoj » ĝis super la genuoj. Tion farinte, mi nudigis mian knabeton — krom maldika kalsoneto — por ke la sunradioj atingu lian korpon. Mi volis brunigi lin per ilia fajra ardo. Mi volis same brunigi la krurojn. Tion oni faras dum la malmultaj sunbrilegaj tagoj de la mallonga angla somero.

Kial ?

« Kial mi faras tion ? » mi pense demandas al du fraŭlinoj kiuj promenas lacmiene tra la boligantaj radioj. Ili simile faras al siaj brakoj kaj kruroj. Sinjoro kun infana puŝveturilo paŝetadas preter mi kun larĝe malferma ĉemizo. Kial vi tion faras, sinjoro ?

Mia bebo oscedas ; la brulo lin dormemigas. Ankaŭ min, sed la demando min incitas, turmentas ; mi ne povus dormi sen *ia* respondo. Malgraŭ tio mi imitas la bebon per buŝo longe kaj larĝe malfermita.

Kial oni brunigas sin ? La suno brulstampas la demandon sur mian kapon, precipe sur la nukon. Ĉu ni tiel admiras la negrojn, ke ni volas ilin imiti, al ili iom simili ? Dube ! Por rigardi la kaŭzon de ĉi tiu demandado, mi rulas min sur mian dorson, sed rigardi tiun helegan lumdiskon mi ne povas. Taŭgan kovraĵon por la okuloj provizas la demetita vindaĵo — la pura, ne la ... la alia.

Tamen miaj meditoj havas mallongan daŭron. Bebo Mark kredas ke mi volas ludi, ĉar li vidis ke miaj okuloj estas kovrataj. Kriante « PI », li forprenas la tukon, ridprete atendante mian respondan « BO », kiu sekvas nur lace, dorme. Tia malentuziasmo ne estas kontentiga por la kutime ekstaza ludo, — Mark ŝtelas mian krajonon kaj forstumblas tra la herbo.

Jam li fariĝas bruneta.

Oni iam informis min, ke la bruno estas iaspeca veneno en la sango. Io malbona, ne bona. Kial, do, ni tiel deziras ĝin ?

Persone, mi vere ne deziras bruni. La pala rozkolora haŭto sur miaj kruroj iom plaĉas al mi — eĉ kun la haretoj. La vizaĝkoloro ne aparte malplaĉas — sen la haretoj.

La konstato venas al mi kiel tondrobato — la modo ! la konvencio ! Mi, individuisto; mi, pensanta homo ; mi, *viro !* Vilĉjo Verda fariĝas sklavo al la modoj ! Varmo kun alia sento ŝteliras supren sur mia vizaĝo. Mi scias, ke mi ruĝiĝas.

Kia honto ! Sen penso, mi falis en la stultigan rutinon de la konvencio, de la virinaj modoj ! De la kutimoj, kiuj forprenas la kapablon de sinrego. Ho, ve ! Kia falego !

Kompata zefiro karesas miajn harojn, sed la posta brulo ŝajnas des pli forta. La cerbo ekdeliras. Ĉi tiu perdiĝo al la influo de la faroj kaj opinioj de la aliaj homoj malindigas min al la memrespekto. La dorso eniĝas komforte en la dolĉe molan herbon. Perdita mi estas. Sklavo al la — — — aŭĉ ! ! !

Beba genuo trudas sin en mian sinkompaton, trafante precize la umbilikon. O — o — o !

Tre malmoda faro, absolute senkutima hometo, tute ne kapabla kompreni eĉ la plej konvenciajn modojn. Savu min, bebo ! Savu la paĉjon !

Fingreto puŝas sin inter miajn lipojn. Mi permesas al ĝi eniri por serĉi mian langon — ĉar mi scias, ke per tio mi estos savita. Dankon, fileto !

V. VERDA.

## REVA VETURO

Tra blua mar' vin portu la veturo
De mia blanka, ventŝvelata velo ;
La direktilon turnu la deziro
Al sorĉa malproksim' kaj aventuro,
Al feliĉige nekonata celo,
Al bordoj, kiujn serĉas la sopiro.

Malantaŭ ni perdiĝas foraj mondoj,
Kaj via belo kuŝas antaŭ mi
Kiel mirinda floro. Nur la mevoj
Nin akompanas kaj murmuraj ondoj
kaj la sopira, fluge ĉirkaŭ ni
Kunveturanta ar' de niaj revoj.

La nokto venas. Sur velur-ĉieloj
Kovrantaj nin per senfinega spaco,
Dum jam laciĝas nia vel-flugilo,
Ekfloras pli kaj pli la oraj steloj.
Ripozas la de mia man' pro laco
Elglite forgesita direktilo.

Sed la okuloj ĉiam plu senlime,
La celon atendante, la beatan,
Penetras tra la noktvualaj muroj,
Serĉante malproksime, malproksime
La landon feliĉige nekonatan
De rev-misteroj kaj de aventuroj.

KARL VANSELOW.

## Ĉu vi scias ?

— Gestudentoj en Amsterdam, kiuj pro rezisto kontraŭ la okupinto devis interrompi siajn studojn, fondis kinejon, en kiuj ili mem faras ĉiujn funkciojn. Tiamaniere ili perlaboras al si la rimedojn por daŭrigi la studadon. Nur la ĉefoperatoro kaj la pordisto estas profesiuloj. La kino havas la nomon « Kriterion », kaj ĝi estas fondita per kapitalo de 90.000 guldenoj, el kiuj 40.000 estas ricevitaj donace kaj 50.000 prunte je 3-procenta rentumo. « Kriterion » prezentas ĉiajn filmojn de bona kvalito.

— Naŭ milionoj da poloj kaj polaj judoj pereis dum la lasta milito, ĉu pro militagoj, ĉu pro la nazi-teroro. La loĝantaro de Varsovio falis de 1.289.000 al 476.000, tiu de Lodz de 672.000 al 496.000 ; sed tiu de Krakovo kreskis de 259.000 al 300.000. (Laŭ « Pola Esperantisto ».)

— Jam estas fabrikata atombomba filmo « The beginning of the end » (La komenco de la fino), en kiu Lionel Barrymore ludas la rolon de prezidanto Roosevelt. La filmo estas fabrikata sub kontrolo de la usona registaro.

— Dum la milito pereis relative malmultaj germanaj laboristoj pro bombatakoj. El la 16.000 gelaboristoj ĉe Krupp pereis 170; unu Berlina fabriko kun 8000 laboristoj ne havis eĉ unu mortigiton pro bombatakoj. Bona kamuflado, ŝirmejoj kaj grandskala evakuo protektis ilin.

— Sur la tegmento de la katedralo de Milano, inter statuoj de diversaj sanktuloj, staras ankaŭ tiu de Napoleono, kaj super la portalo de la plej granda preĝejo en Usono, dediĉita de Rockefeller kaj inaŭgurita en Novjorko la 5-an de oktobro 1930, estas grupigitaj la ŝtonaj statuoj de vico da viroj kiuj decidige influis la spiritan evoluon de la homaro, inter ili Hipokrato, Eŭklido, Arkimedo, Galilei, Newton kaj Einstein.

## RIDO SANIGAS

ASTRONOMIO.

— Ĉu tio estas Marso ?

— Ne, Venuso.

— Mirinde, ke je tiu distanco vi povas vidi la diferencon !

FORGESEMA.

— Kion hodiaŭ mi faras, tion mi morgaŭ jam forgesos.

— Ĉu vi ne povas pruntedoni al mi cent frankojn ?

BONTAKTE.

Estro de ŝu-vendejo al junulo kiu petis dungiĝon kiel vendisto :

— Se venus klientino kaj dirus : Ĉu vi ne kredas ke unu mia piedo estas pli granda ol la alia ?, kion vi respondus ?

— Pardonu, sinjorino, mi respondus, tute kontraŭe : unu via piedo estas pli malgranda ol la alia.

Estro : Vi estas dungita.

PROBLEMO.

— Patro, kion manĝas tineoj ?

— Vestojn, bubo.

— Patro, kaj kion ili manĝis, kiam la homoj ankoraŭ ne havis vestojn ?

# Ni recenzas.

## Delikata temo.

*H. L. Egerrup : D-ro Dorner.* — 208 paĝoj kaj kovrilo, 15 x 21 cm — Eldonis Dansk Esperanto-Forlag en Aabyhöj. Prezo broŝ. dkr. 6.50. — Por nederlandanoj kaj belgoj havebla ĉe la Libroservo de Heroldo, prezo gld. 4.35 aŭ bfk. 75.—.

Dana Esperanto-Eldonejo jen prezentas al ni libron bone presitan sur bonkvalita papero, kun kovrilo vekanta la intereson de la ricevanto. Ĝin verkis dana samideano-kuracisto D-ro H. L. Egerrup.

En kiun kategorion oni devas envicigi tiun ĉi libron ? Ĉu ĝi estas romano ? Ĉu popularscienca traktajo pri temo grava kaj komplika ? Li mem evitis nomi ĝin tia aŭ tia. Ĝi ja estas verkita en formo de rakonto, sed verdire romano ĝi ne estas ; nur en sia lasta parto ĝi fariĝas sufiĉe romaneca por pravigi tiun nomon.

La libro temas pri arta gravedigo de virinoj pere de elektitaj viroj kaj pri la ŝancoj kiujn arta gravedigo prezentas por bredi homaron starantan korpe kaj anime pli alte ol la nuna generacio. Certe tre grava kaj serioza problemo, preskaŭ tro serioza por prezenti ĝin en formo de rakonto. La aŭtoro elektis tiun formon sendube por trafi per ĝi pli vastan publikon. La libro estas tre libere verkita ; multajn legontojn kaj legontinojn ĝi ŝokos. Certe ĝi estas interesega por iuj, sed malmulte interesa por aliaj, kaj tute repuŝa por denove aliaj, depende de ties religiaj, moralaj, politikaj ktp. vidpunktoj.

Laŭlingve la libro estas kontentiga, min ŝoketis la iom ofta uzado de « ja ». D-ro Egerrup lernis nian lingvon en 1934 ; ĝi trovas lokon sufiĉe gravan en la okazaĵoj de la « romano ». La aŭtoro verkis la libron samtempe dane kaj esperantlingve, kaj la Esperanto-eldono aperis pli frue ol la dana. Sendube aperos tradukoj ankaŭ en aliaj lingvoj, kaj do D-ro Dorner kaj lia « provkuniklo » f-ino D-ro Lento faros bonan propagandon ankaŭ por nia afero.

Du strangaĵoj min frapis, eble ili estas intenco : la desegno de la titolo sur la kovrilo « D-ro Dorner » enhavas du diferencajn specojn de la litero « r », kaj la indiko de la aperjaro okazis en romanaj (latinaj) « ciferoj », nome en literoj, jene : MCMXLV, kio por 99 % el ĉiuj nun vivantoj estas enigmo, eĉ kleruloj bezonas duonan minuton por ĝin deĉifri.

M.

## Li serĉis oron kaj oleon.

*David Flood : Mi serĉis oron kaj oleon sed trovis...* Tradukis el la sveda Karl Gustafsson. Stelo-Libro vol. III. — 132 p., 13 x 20 cm., broŝurita. — Eldona Societo Esperanto, Stockholm. Prezo bind. sv. kr. 7,25, plus imposto kaj sendkostoj. Mendebla por gld. 5,55 ĉe la Libroservo de Heroldo.

La libro komenciĝas per socialista movado, do per io tute diferenca de tio kion supozigas la titolo, kaj mi sentis min iom trompita. Poste mi daŭrigis legi, — legis, legis, kaj subite jam atingis la lastajn liniojn, kiuj konkludas en la konstato ke « ĉia prospero konsistas el (legu : en) tio, ke oni komencas kaj poste rekomencas denove ». Kaj nun subite mi ankaŭ komprenis, kial dum la legado mi havis la impreson ke la rakonto (se oni povas nomi ĝin tia) ne ĝustadire progresas : ĉar estas konstanta komenco kaj rekomenco. Kaj okazis alia strangaĵo : finleginte la libron, mi komencis rakonti pri ĝi al diversaj konatoj, kaj mi rimarkis ke ĝi estas riĉa fonto de interesaj epizodoj kaj priskriboj ne nur el la vivo de la aŭtoro sed ankaŭ el tiu de multaj aliaj : oleoserĉistoj, orfosistoj, terkulturistoj, felĉasistoj, virinoj, indianoj, eskimoj, ankaŭ bestoj — hundoj, ursoj, alkoj kaj lupoj.

La aŭtoro mem estas svedo kiu en 1909, post malsukcesinta striko, forlasis Svedlandon, elmigris Amerikon por serĉi oleon, oron kaj radiumon, — kiu akiris, perdis kaj denove akiris riĉaĵojn kaj fine, vivinte dudek jarojn en la Nova Mondo, post batalo kun gangsteroj, kvankam bonstate finance sed kun rompita sano, revenis al sia hejmlando.

La traduko ĝenerale estas bona, kvankam ĝi enhavas kelkajn esprimojn neklarajn, nekutimajn, nelogikajn, aŭ erarajn, kiujn mencii mankas loko. Papero kaj preso estas bonaj. La prezo povas ŝajni alta, ĝi estas pli ol la duoblo, eble trioblo kompare kun la prezoj kiujn esperantistaj legantoj kutimis pagi en la lastaj jaroj antaŭ la milito, sed ĝi konformas al la nunaj preskostoj, kaj verŝajne la kaŝaj gesamideanoj devos iom post iom kutimiĝi al multe pli altaj prezoj por libroj kaj gazetoj, tiom pli, ĉar Esperantaj libroj kaj gazetoj povas havi nur relative negrandan eldonnombron.

M.

## 360 el 1100.

*Kie loĝas Esperantistoj en Nederlando ?* Karto kompilita laŭ informoj de la esperantistaj organizoj. En 1946 desegnita kaj eldonita de H. C. Magel, Voorbeek 6, Aalst-Waalre, Nederlando. 35,5 x 43 cm. Prezo 0.75 gld. aŭ 6 resp.-kup. La karto montras ke loĝas esperantistoj en pli ol 360 el la 1100 nederlandaj komunumoj. Ĉiu nederlanda samideano devus posedi tiun karton por pendigi ĝin en sia loĝejo aŭ kontoro, kaj por propagandi per ĝi al neesperantista publiko.

*

*Esperanto.* Kvarkolore presita poŝtkarto, montranta malfermitan atlason kun karto de la kvin kontinentoj, kun la vorto « Esperanto » kaj kun verda stelo brilanta de ekstere tra malfermita fenestro. 10 kartoj kostas 50 fr. frankojn ĉe la eldonejo de Union Espérantiste de France, 34 rue de Chabrol, Paris 10, Francujo.

## Jen libro de brazila aŭtoro.

*J. de Alencar : La vidvineto.* Romano. El la portugala lingvo Esperantigis L.C. Porto Carreiro Neto. — 87 p., 13 x 18,5 cm. — Prezo en Brazilo 5 kruzejroj, ce Brazila Ligo Esperantista, Rio de Janeiro.

« La vidvineto » estas unu el tiuj kvietaj, moralemaj sed kortuŝaj rakontoj el la pasinta jarcento, kiunj eĉ nun — inter romanoj tre, ofte tro moderne ellaboritaj — oni iufoje legas kun plezuro. Temas pri junulo, kiu vivas diboĉe per la mono heredita de la patro. Iutage li enamiĝas al puranima knabino kaj decidas komenci novan vivon. Li petas ŝian manon, kaj la edziĝotago estas fiksata. Tiam li ekscias ke li ne plu posedas ion krom ŝuldoj. Por ne kompromiti la knabinon, li tamen edziniĝas ŝin sed tuj poste ŝin forlasas, ŝajnigante ke li memmortigis sin. Kelkajn jarojn li vivas en alia lando tre modeste, laboregante, ĝis li ŝparis sufiĉe da mono por povi pagi la ŝuldojn. Tiam li revenas, retrovas sian edzinon kiel « vidvineton » kaj, ĉar ilia reciproka amo restis nemalfortiĝinta, ili daŭrigas sian komunan vivon tie, kie ĝi estis interrompita kvin jarojn antaŭe.

La traduko estas tre bona, la lingvo simpla, kaj la libreto do bonege taŭgas ankaŭ por komencantoj. Mi nur bedaŭras ke tiun ĉi romaneton oni ne presigis sur pli bona papero.

T. J.

## La Libro de la Spiritoj.

*Allan Kardec : La Libro de la Spiritoj.* El la franca lingvo tradukis L.C. Porto Carreiro Neto. — 531 p., 14 x 19 cm. Bindita. Eldonis Livraria da Federação E. Brasileira (Brazila Spiritista Federacio), Av. Passos 30, Rio de Janeiro, Brazilo. — Prezo ne montrita.

Prenante ĉi tiun libron en la manon, oni konstatas unuavice ĝian dikecon kaj ĝian bonkvalitecon : la bindo estas fortikega, kvazaŭ destinita por la eterneco, la papero bona, la preso klara kaj agrabla al la okulo. Kaj eklegante, oni tuj estas surprizata ankaŭ de la bonega lingvo. Jen denove nia samideano kaj lingvokomitatano Prof. Porto Carreiro Neto faris laŭdindan laboron.

La libro enhavas « la principojn de la spiritisma doktrino pri la senmorteco de la animo, la naturo de la spiritoj kaj ties rilatoj kun la homoj, la moralaj leĝoj, la nuntempa vivo, la estonta vivo kaj la estonteco de la homaro, laŭ la instruado de la superaj spiritoj pere de pluraj mediumoj ». La temo ne estas simpla, ĉar religie-filozofia, kaj por ordinara leganto tia volumego jam pro sia amplekso povas ŝajni nedigestebla kaj teda. Sed, dank' al la klara aranĝo, kaj precipe dank' al la divido de la ĉefa parto en (1018 !) demandoj kaj respondoj, la legado ne lacigas. Kompreneble oni legos tian verkon ne seninterrompe de la komenco ĝis la fino, kiel emocian amrakonton aŭ kiel streĉan kriminalan romanon, sed ĉapitro post ĉapitro, demando post demando, daŭrigante nur post profunda primedito kaj spirita digesto de la antaŭe legita.

Nenion mi diros pri la spiritualisma filozofio kaj spiritisma doktrino, pri kiuj oni povas same tiom diskuti kaj disputi kiom pri iu alia filozofia aŭ religia sistemo. La komunumo de la spiritistoj estas sufiĉe multnombra en nia tempo ; sed pri la esenco kaj veraj celoj de spiritismo regas multloke tre strangaj opinioj kaj miskomprenoj. La « Libro de la Spiritoj » bonege taŭgas por ĝustigi tiujn opiniojn kaj por forigi la miskomprenojn. En tiu senco la libro povas utili al ĉiu, egale ĉu li konsentas aŭ rifuzas la doktrinojn en ĝi pritraktitajn.

M.

## Esperanto je servo de scienco.

Nia norvega samideano C. Støp-Bowitz verkis tri gravajn traktaĵojn en la franca lingvo, kun apartaj resumoj en Esperanto, kiuj aperis kiel broŝuroj n-roj 51 (1941), 52 (1945) kaj 55 (1945) eldonitaj de la Zoologia Muzeo en Oslo. La titoloj de la traktaĵoj estas (esperantlingve) : *La gliceredoj de Norvegujo* (familio de vermoj vivantaj en la marfundo ; *La norvegaj ofeliedoj* (alia familio de vermoj marfundaj) ; *La skalibregmedoj de Norvegujo* (denove alia familio).

## LINGVA KONSILARO.

D. — Ĉu la verbo *akuŝi* estas transitiva ?

R. — En la « Plena Vortaro » *akuŝi* estas transitiva, same kiel *naski* : « La patrino akuŝis belan infanon. » — En la Wüster'a « Enciklopedia Vortaro » *akuŝi* estas transitiva, sed tiam tio estas la kuracisto kiu *akuŝas* la gravedan virinon. — Nu, en tiaj dubaj okazoj estas prudente konsulti la majstron, kiam eble. Jen li diras : « Ĉar la *Universala Vortaro* devas resti netuŝebla, mi konsilas konservi por la vorto *akuŝi* ĝian signifon netransiran, tiom pli, ke tiu senco estas ankaŭ pli ĝusta, logika kaj oportuna. La ekzistado de la vorto *akuŝistino* tute ne devas nin konfuzi, ĉar ĉiu facile komprenos, ke *akuŝistino* signifas ne *virinon, kiu profesie (!) naskas,* sed *virinon, kiu profesie sin okupas per aferoj de naskado* (ne okupas sin per *akuŝado,* sed nur per *akuŝoj.* » (Dieterle, Zamenhof — Originala verkaro, paĝo 539.)

D. — Ĉu oni diru « turniĝi *en* polvon » aŭ « turniĝi *al* polvo » ?

R. — Estas egale ; la prepozicio *al* signas ne nur almovon, sed ankaŭ transformiĝon : rompi *al* pecetoj ; la cirkonstancoj ŝanĝiĝis *al* plia malbono ». Sed tre ofte, por esprimi ŝanĝon, oni uzas ankaŭ la prepozicion *en* kun la akuzativo : kunpremi la manon *en* pugnon ; la vazo rompiĝis *en* pecojn ; traduki *en* Esperanton ; li mortis kaj turniĝis *en* polvon (Zamenhof). Kompreneble, se oni uzus *en* sen akuzativo, la senco fariĝus alia; komparu *salti sur la tablon* kun *salti sur la tablo ; kuri post iun* kaj *kuri post iu.*

## ENIGMO-KONKURSO N-ro 3



LABIRINT-ENIGMO.

La vortoj komenciĝas kaj finiĝas ĉe dika linio, escepte de la vorto 5 a, ĉe la eniro en la Labirinton, kiu komenciĝas ĉe maldika linio. La litero « r » inter krampoj (r) signifas ke oni devas preni nur la radikon de la koncerna vorto. Jen la signifo de la serĉotaj vortoj :

Horizontale (de maldekstre dekstren) :

a 1. Ĉielkolora; e 6. superi malamikon (r); b 2. ĉiutaga manĝaĵo (r); b 6. skribbezonaĵo (r) ; c 3. ni ofte ĝin manĝas (r); d 1. interjekcio ; d 3. unua homo ; d 8. prepozicio ; e 2. prefikso ; e 6. numeralo ; f 1. plej ofta vorto Esperanta ; f 3. atribui al iu respondecon aŭ kulpon pri io (r); f 8. nubo sen vokaloj ; g 3. korpoparto ; h 2. sufikso; h 6. plej alta estaĵo ; i 1. troviĝas en maro kaj aero ; i 6. besto.

Vertikale (de supre malsupren) :

1 a. bona eco ; 2 b. antaŭaranĝi ; 3 c. arbo (r); 4 a. sufikso; 4 h. konjunkcio; 5 a. mareto (r); 5 d. monto (r); 5 g. numeralo; 6 a. persona pronomo; 6 h. numeralo; 7 c. preskaŭ ĉiu ĝin timas; 8 b. alia nomo de Dio; 9 a. grava kondiĉo por sukcesigi iun aferon.

Por la ĝusta solvo de la hodiaŭa enigmo ni fiksis la jenajn libropremiojn :

1. Privat : Vivo de Zamenhof (bindita) ;
2. A. Bógh-Högsted : Pli ol Fantazio ;
3. Sienkiewicz : Orso.

Solvoj (sur aparta papero aŭ poŝtkarto) alvenu ĝis la 10-a de septembro al la redakcio de Heroldo de Esperanto, Harstenhoekweg 223, Scheveningen, Nederlando. Se venos pli ol tri ĝustaj solvoj, la premioj estos lotumataj.

*

SOLVO

de la silab-enigmo en n-ro 2 : *Nun aŭ neniam ni prenu nian ŝancon !* — La unuopaj vortoj tekstas : 1. Niagaro ; 2. urbegestro; 3. negrino; 4. agrikulturo; 5. uragano; 6. nikotino ; 7. embaraso ; 8. Normandio; 9. infanŝuo ; 10. almanako ; 11. marĝeno ; 12. nobleco ; 13. insulo ; 14. platano.

Alvenis 31 korektaj solvoj el 9 landoj. La loto decidis pri la disdono de la premioj jene :

1. A. de Vries, Soest, Nederlando ;
2. L O'Cuirc, Eéal Atha, Irlando ;
3. R. Iserentent, Brugge, Belgujo.

Sed, ĉar s-ro de Vries esprimis la deziron, prefere ricevi la 2-an premion, la 1-a premion estas liverita al s-ro O'Cuirc.

## Ekzamenu vin mem !

*Respondoj al la demandoj en la pasinta numero.*

7. La Faraono estas tradukita el la pola lingvo, de Kabe ; La Malnova Testamento estas tradukita rekte el la hebrea, de Zamenhof, kaj la Nova Testamento estas tradukita de elektita Komitato, el la greka teksto ; Vivo de Zamenhof estas verkita originale en Esperanto ; Tragedio de l' Homo tradukita el la hungara ; Sinjoro Tadeo el la pola.
8. La jenaj estas originale verkitaj : Mario kaj la grupo ; Jarmiloj pasas La longa vojo ; Stranga heredaĵo , D-ro Dorner.
9. La jenaj verkoj estas poeziaj : Sinjoro Tadeo ; Streĉita kordo ; Mia spektro.
10. Jolanta Földes ; Madách ; Rider Haggard ; Orzeszka ; Goethe ; Olive Schreiner ; A.M. de Jong.
11. L. Spierer kaj L. Halka ; K. Kalocsay ; M.C. Butler ; Zamenhof ; Küster ; S.A. Andrew ; W.F. Kruit.
12. Plafono.

## Esperanta Radio-Kalendaro.

La horindikoj estas laŭ GMT somera tempo aŭ MET normala tempo. Nederlando nun havas normalan MET. Ni ne povas garantii pri la korekteco de la horindikoj ; eventuale ni petas ĝustigon.

*Ĉiutage :*
20.00-20.30 Praha 49,92, ofte ankaŭ 1571 m

*Lunde :*
21.50-22.00 Praha 470 m.

*Marde :*
19.50-20.00 Sofia 32,5 m.
21,50-22.00 Mor. Ostrava 325,4 m.

*Ĵaŭde :*
18.05-18.15 Bern 47,28 m. D-ro E. Privat pri federalismo kaj paco.

*Vendrede :*
19.50-20.00 Sofia 32,5 m.
20.45-21.00 Castellón 200 m. Kurso.
21.50-22.00 Mor. Ostrava 325,4 m.

Atentu pri la elsendo de sveda radio la 16.8., je 16.10 GMT somera, per ondo 19,80, kaj la 17.8., je 2.10 nokte, per ondoj 25,63, 31,46 kaj 49,46.

## ANONCETOJ

Anoncetoj kostas por ĉiuj 20 komencitaj vortoj aŭ mallongigoj kvinonon de la jarabono, aŭ 20 b. fk., aŭ 1.— gld., aŭ 5 resp.-kuponojn ; por trifoja enpreso duobla prezo. — Ni senpage publikigas anoncetojn pri serĉataj personoj kaj pri familiaj aferoj esperantistaj: naskiĝo, financiĝo, edziĝo kaj gravaj jubileoj.

*Geedziĝo.* — La 19.6.1946 geedziĝis f-ino Agusta Arnadóttir kaj Arni Bödvarsson, stud.mag., delegito de IEL en *Rangárvöllum,* Islando. — Koran gratulon !

*Letervespero.* Esperanta Sekcio A.L.E. festenos fine de aŭgusto aŭ poste. Abunde skribu bildkartojn kaj leterojn, ni certe al ĉiu respondos. Deziras korespondi 60 geanoj Adreso : A. v. Rosmalen, Gasstraat 29, Schiedam, Nederlando.

*Letervesperon* okazigas en septembro Esperanta klubo « Mara Vento », Boks 132, *Haugesund,* Norvegujo. — Ni atendas kartojn kaj leterojn el ĉiuj landoj. Certe respondos.

*Sinjorina kantĥoro « La Nova Mondo »* ekzistos la 15.9.1946 unu jaron. Bonvolu sendi al ni multajn gratulojn. Ni respondos absolute. Daendelsstrato 64, *Den Haag,* Nederlando.

*Gahler Bruno* petas ĉeĥajn Esperanto-amikojn informi lin pri la familio de lia fratino Marie Weber, paperfabriko « Upamlyn » en Bohuslavice n. U., okres Trutnov. Bonvolu adresi : B. Gahler, *Glinde,* Wiesenfeld 707, Hamburg-Bergedorf, Germanujo.

*Kapablajn Ĉseh-instruistojn* bezonas Norvega Esperantista Ligo. Nur vere kapablaj personoj deziritaj. Oni sin turnu, kun kopio de atestoj kaj plenaj informoj, al N.E.L., Boks 942, *Oslo.*

*Kun teknikist(in)oj kaj profesiul(in)oj* deziras interŝanĝi leterojn Esperante, angle, hispane, 34-jara usona fraŭlo, teknikisto. — L. Montgomery, *Solway,* Kentucky, U.S.A.

*Koncertistoj ! Orkestristoj ! Komercistoj de muzikinstrumentoj !* Arĉinstrumentoj garantiataj ĉe Pietro Tatar, IEL-fakdelegito, instruisto ĉe Internacia Liutlernejo, Via Damiano Chiesa 3, *Cremona,* Italujo.

*G. Duivis,* v. Hilligaertstraat 22, III, *Amsterdam (Z),* Nederlando, deziras korespondi pri enlandaj kaj politikaj problemoj kun la jenaj landoj : Ĉeĥoslovakio, Italio, Jugoslavio, Finnlando. Respondo garantiita.

## Universala filatelia Esperanto-klubo (U.F.E.K.)

(fondita en la jaro 1944)

La celoj de U. F. E. K. :

a) starigi sur serioza bazo filatelion inter Esperantistoj ;
b) plifaciligi poŝtmark-interŝanĝon inter Esperantistoj-filatelistoj de la tuta mondo, certigante la honestan plenumon de poŝtmark-interŝanĝo ;
c) instrui Esperantistojn-filatelistojn pri filatelio per regula eldono de faka gazeto, en pura Zamenhofa stilo, nur en Esperanto ;
d) eldoni fak-librojn ;
e) krei diversajn servojn ;
f) krei asocian insignon ktp.

Proponu vin kiel reprezentanto por via lando aŭ urbo ! *Ne hezitu !* Skribu *tuj* al
UNIVERSALA FILATELIA
ESPERANTO-KLUBO
5, rue Savorgnan de Brazza (III-a etaĝo)
CASABLANCA, Maroko.

Petu nian « Informantan Varbfolion », kunlaboru al nia oficiala organo « La Poŝtmarko » ; aperis jam kelkaj tre interesaj numeroj.

# OPORTUNA OKAZO!

La anoncanto deziras rilatiĝi kun serioza studento esperantista, kiu emas antaŭenigi sian edukadon per ĉeestado ĉe usona kolegio.

En bataleto infanteria dum la lasta bedaŭrindaĵo, la subskribinto perkugle kapvundiĝis tiel, ke parte paraliziĝis la korpo. Nuntempe, post elhospitaliĝo, li bezonas viron por lin helpi pri la ĉiutagaj necesaĵoj kaj pri radseĝa irado al lernejo. Provizitaj al taŭgulo estos manĝo, dormejo, malgranda salajro kaj veturiĝo al Usono.

Por pliaj detaloj interesatoj, *kiuj disponas la subaĵn kvalifikojn,* sin turnu per poŝtpramana (ne maŝinskribita) letero al : S-ro R. C. MARBLE, 301 BLOOMFIELD ROAD, BURLINGAME, CALIFORNIA, USONO.

*Por esti konsiderata kiel taŭga, oni devas :*

1. Scipovi flue Esperanton kaj skribe kaj parole.
2. Scipovi la anglan lingvon sufiĉe por ricevi, post praktikado, instruon per ĝi ĉe lernejo.
3. Esti ne pli ol 30-jaraĝa kaj ne malpli ol 18-jaraĝa.
4. Esti fortika kaj sufiĉe fortmuskola.
5. Esti ne malpli ol 1,72 metrojn alta senŝue, kaj ne malpli ol 76 kilogramojn peza senveste.
6. Esti senedzina.
7. Esti bonsana kaj plejparte bonhumora.
8. Esti Diplomito de altlernejo kaj laŭleĝe preta ĉeesti kolegion.

**Esperantistoj ! Bonvolu ĉi tiun anoncon cirkuligi tiom, kiom eblas al vi.**